Porto Alegre, Aŭgusto 2007 –
11-a Jaro - N-ro 30

# Gaja Haveno

TELEVIDO

## La Rajto Naskiĝi

*O Direito de Nascer* (*La Rajto Naskiĝi*), dramserio prezentata de la antikva TV Tupi inter decembro 1964 kaj aŭgusto 1965, kun 282 ĉapitroj, estis bazita sur originalaĵo de la kuba verkisto Félix Caignet konstituiĝante je la unua granda sukceso de la ĝenro en la brazila televido. Ĝi rakontis la historion de D-ro Alberto Limonta, bastarda filo de iu juna reprezentantino de la kuba aristokracio. Li estis edukita de iu nigra servistino kiun li karese nomumis Panjo Dolores.

**La lasta ĉapitro** meritis feston en la Sportejo de Ibirapuera, en San-Paŭlo, kaj en la sekvanta tago, en iu homplena Maracanãzinho en Rio-de-Ĵanejro. 'En ia speco de kolektiva neŭrozo, la popolo kriis la nomojn de la fikciuloj kaj ploris pro Panjo Dolores [Isaura Brum], Maria Helena [Nathália Timberg] kaj Alberĉjo [Amílton Fernandes]. (...) Nenia brazila aktoro en iu ajn epoko estis havinta la honorojn de tiom da ovacio'. La dramserio estis reĝisorita de Lima Duarte inter aliaj. ■



TELEVISÃO

## O Direito de Nascer

*O Direito de Nascer*, telenovela levada ao ar pela antiga TV Tupi, entre dezembro de 1964 e agosto de 1965, com 282 capítulos, era baseada num original do escritor cubano Félix Caignet, constituindo-se no primeiro grande sucesso do gênero na televisão brasileira. Contava a história do Dr. Alberto Limonta, filho bastardo de uma jovem representante da aristocracia cubana. Ele foi criado por uma serviçal negra , a quem ele chamava carinhosamente de Mamãe Dolores.

**O último capítulo** mereceu uma festa no Ginásio do Ibirapuera, em São Paulo, e no dia seguinte, num Maracanãzinho superlotado no Rio de Janeiro. "Numa espécie de neurose coletiva, o povo gritava os nomes dos personagens e chorava por Mamãe Dolores [Isaura Brum], Maria Helena [Nathália Timberg] e Albertinho [Amílton Fernandes]. (...) Nenhum ator brasileiro, em qualquer época, tivera as honras de tanta ovação." A novela foi dirigida por Lima Duarte entre outros. ■

## Babila Rondo.

**Ĉar konversacio estas grava.**



En la unua sabato de la monato, 15h, en GEA – Gaŭĉa E-Asocio: Str. dos Andradas, 1251/101 – Tel. 3228-3198

## Verda Kafo.

**Por ke vi babilu esperante en amikeca etoso.**



En la lasta sabato de la monato, 16 h, en la trinkejo-restoracio Tutty's: Av. Independência, 30, Centro Comercial Independência.

Mi konfesas al vi, ke mi estas tre scivolema por koni persone la novan bolpoton de GEA. Ĝi meritis specialan spacon en la raporto pri la estrar-periodo 2005-2007. Kŭaks!

**Bernardo ▸**



## Kion ili diris

John diris: 'Ni iru hejmen, mi volas vidi Sean antaŭ ol li dormos'.
< **Yoko Ono,** vidvino de Lennon, pri la lastaj vortoj de la eksa Beatle. Sean, la filo de la geedza paro, havis 5 jarojn tiu-epoke.

Jam de kvardek jaroj oni diras, ke mia muzika kariero ne daŭros.
< **Erasmo Carlos**

La bona afero de la vicoj estas konvinki nin, ke fine la vivo ne estas tiel mallonga.
< **Mário Quintana**

Mi tremas pro mia patrio kiam oni diras al mi, ke Dio estas justa.
< **Thomas Jefferson**

## Reagoj

Alvenis GH n-ro 29. Dankon kaj komplimentojn pro la bela presaĵo per kiu GH semas Esperanton. Mi ŝeroksis 5, por pludoni ilin al aktivuloj, inkl. ĈRI. Dankon pro via zorgo ilustri la intervjuon! Dankon pro via alloga mencio pri nia V-Kafo!

< **George Otto Vaske/**
São Sebastião do Caí-RS

**Gaja Haveno** – Monata E-informilo Sendependa – Redaktas César Dorneles Soares – Senpaga Disdonado
Str. Umbu, 421/203 **Porto Alegre, RS, Brazilo** – PK-do 91350-100 - dornelessoares@uol.com.br

# Ridetu!



Politikisto, arkitekto kaj kuracisto diskutas por sciiĝi kiu estas la plej antikva profesio. Diras la kuracisto:

- La plej antikva profesio estas la medicino. Kiam Dio faris la virinon el iu ripo de Adamo, tio estis la unua kirurgia ago en la Historio.

Refutas la arkitekto:

- Tute ne! La kreado de la mondo estis la unua verko de la arkitekturo, kaj la profesio de arkitekto estas do a plej antikva. Antaŭ ol la kreado de la mondo nur estis la kaoso!

Ĝuste tiam prenas la vorton la politikisto, tute fiera:

- Kaj kiu vi pensas, ke faris la kaoson? ■

# Sorria!

Um político, um arquiteto e um médico discutem para saber qual a profissão mais antiga. Diz o médico:

- A profissão mais antiga é a medicina. Quando Deus fez a mulher, a partir de uma costela de Adão, isso foi o primeiro ato cirúrgico da História.

Rebate o arquiteto:

- Nada disso! A criação do mundo foi a primeira obra de arquitetura, e a profissão de arquiteto é, portanto, a mais antiga. Antes da criação do mundo só havia o caos!

É quando toma a palavra o político, todo orgulhoso:

- E quem vocês pensam que fez o caos? ■

# Blogo el Papero

< **Instr. César Dorneles Soares**

**Novaĵoj en GH** ne nur pres-aranĝaj sed ankaŭ enhavaj: de nun nia gazeteto prezentos materialojn dulingvajn por faciligi la legon de tiuj kiuj ankoraŭ ne tute scipovas la lingvon kaj tiamaniere kaptos la okazon por plibonigi sian lingvan konon pri E-o. Tio memorigas min, ke kiam mi estis eklernanta E-on, komence de la 80aj jaroj, mi kutimis legi kompar-cele la tekstetojn dulingvajn kiujn Affonso Soares publikigis en sia tradicia rubriko priesperanta en la revuo Reformador (FEB). Ne necesas diri, ke tiele iom da profito mi havis en mia deziro ellerni la lingvon kiel eble plej baldaŭ. Mi esperas, ke la nova Gaja Haveno helpos al multaj tiucele.

**21-jara lernanto** mia en Lernu, kiu loĝas en San-Paŭlo, sendis al mi elektronikan mesaĝon esprimante sian solidarecon al la gaŭĉoj pro la terura akcidento aviadila okazinta antaŭ-nelonge en Congonhas.

**La rubriko O Prazer das Palavras**, de Prof. Claúdio Moreno, publikigita sabate ĉiu-dusemajne en Zero Hora, en la kajero Cultura, estas ja leginda por tiuj kiuj interesiĝas pri la mirinda mondo de la vortoj. En tiu de la 14/7, li respondis leteron de leganto demandanta pri la ĝusta termino en la portugala: *Corão* aŭ *Alcorão*? Li klarigis, ke tradicie ĉiam oni uzis *alcorão*, kiu estas unu el la multaj arabdevenaj vortoj komenciĝantaj per a-: *álcool, almôndega, alfândega, almofada, açougue, açúcar, aldeia, alface, algema, algodão, alicerce, alvará, arroz, arroba, azar, azeite* ktp. Fakte estas kurioza afero, ke tiu *a-* rilatas al la araba difinita artikolo *al*, kiuj estis 'gluita' al la substantivo. Niaj portugalaj prapatroj simple konservis la *al* kiam tiuj vortoj estis alkolektiĝintaj al sia idiomo. Kelkfoje la *-l-* povas esti modifita por ke estu ia fonetika harmoniigo: *ar-ruzz* (*arroz*), *az-zayt* (*azeite*). Rimarku, ke rilate al aliaj eŭropaj lingvoj, tia fenomeno ne ripetiĝis: *sugar* (*açúcar*) kaj *cotton* (*algodão*) anglalingve, *zucchero* kaj *cotone* itallingve. Escepto? Ekzemple la anglalingva *alcohol* kaj la franclingva *alcool*, kiuj ankaŭ konservis la *al-*. Bone, el tiuj alie devenas la esperantaj *sukero, kotono, alkoholo*... – arabdevenaj terminoj.

**En oktobro** la 9ª Gaŭĉa E-Renkontiĝo!

# Movimento

**AGE tem nova diretoria** - Em 21 de julho foi eleita e empossada a nova diretoria da AGE-Associação Gaúcha de Esperanto para a gestão 2007-2009: Presidente – Prof. Marcelo Stoduto, Vice-presidente – Profa. Nilce Maria Rodrigues, 1° Secretário – Sra. Lygia de Maria Ferreira, 2° Secretário – Prof. André Cardoso Alves, Tesoureiro – Sr. Olavo Faustino. Como novos conselheiros, tomaram posse o Sr. João Carlos da Silva Celeste, a Sra. Nicéia Teresinha Ribeiro e o Dr. Manoel Torres Abreu.



**42° Congresso Brasileiro de Esperanto no Rio** - Entre 8-13/07/07, ocorreu no Rio de Janeiro o 42° Congresso Brasileiro de Esperanto, cujo tema principal foi *Cem Anos do Movimento Esperantista no Brasil: Estratégias para o Futuro*. Na oportunidade foi eleita a nova diretoria da LBE-Liga Brasileira de Esperanto para a gestão 2007-2010. O Prof. José Passini (Juiz de Fora, MG) elegeu-se como o novo presidente da instituição. Participaram também do evento co-idealistas da Argentina, Uruguai, Colômbia, Portugal, Espanha, Alemanha, Polônia, Suécia, Japão, Coréia do Sul e Nepal. No congresso inscreveram-se 553 pessoas, e sua sede foi a SUESC – Sociedade Unida de Ensino Superior e Cultura. As próximas edições serão realizadas em Fortaleza (2008) e Juiz de Fora (2009). ■